1/2003

Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Asocio superflua

## Estraro proponas malfondon de TEĴA

**Ni ne povas neglekti, ke nia fak–asocio jam de multaj jaroj ne nur stagnas sed eĉ regresas. Spite al alvokoj kaj apelacioj niaj membroj neniel aktivas; dum la pasintaj jaroj krom en kunvenoj kadre de Universalaj Kongresoj (UK) TEĴA interesis neniun. Nombro de membroj kontinue malkreskis. Tial la estraro proponas malfondi tiun ĉi evidente superfluan asocion.**

Se la membroj aprobas, tiel definitive mortos tradicia fakorganizaĵo, fondita en 1948 en sveda Malmö – kurioze, tiukaze lasta publika kunveno de TEĴA okazus 55 jarojn poste ankaŭ en sveda urbo, Gotenburgo, kie en 2003 okazis UK.

Dum jardekoj TEĴA estis sub gvidado de precipe bulgaraj esperantistoj, do sub forta komunisma tendenco, ĝis disfalis la orienteŭropa socialisma bloko. En 1988 aperis lasta numero de *Internacia Ĵurnalisto*, kiu ĉiam estis nur tre modesta bulteno.

Bulgaraj TEĴA–estraranoj en 1991 kontaktis min demandante, ĉu mi pretas iĝi prezidanto. Post iom da hezito mi akceptis kaj en 1991 dum UK en Bergeno, Norvegio, oni elektis min (ne ĉeestintan). Tuj poste proprainciate (kun persona kredito al TEĴA) mi revivigis la fakorganon. En 1992 kunveno (50persona) kadre de UK en Vieno refondis la asocion kun novaj statuto, reglamento kaj laborplano kaj kun nova estraro, kiu kun elano eklaboris. Mi daŭre redaktis la fakorganon; vicprezidantoj Paul GUBBINS kaj Aleksandro KORĴENKOV adekvate aktivis. Grava iniciato estis koresponda trejnkurso por ĵurnalistoj, gvidata de Gubbins. Krome ni organizis seminariojn kaj lanĉis TEĴA–premion „Edmond Privat".

En 1994 TEĴA–prezidanto Stefan MAUL gvidis kurson pri komunikad–scienco en Akademio Internacia de San Marino (AIS) – tiel esperantista ĵurnalismo por la unua fojo atingis sciencan nivelon. La asocio do ŝajne prosperis, havante 130 membrojn (el kiuj tamen orienteŭropaj pagis malaltajn kotizojn). Sed iom post iom la redaktoro havis problemojn plenigi la paĝojn de la revuo, kaj en 1996 la estraron atingis alarmo de l' kasisto: nur 80 membroj pagis kotizon, la kredito estis elĉerpita, la kaso malplena, ne plu eblos aperigi la revuon. Dum membrokunveno tiujara en Prago la prezidanto proponis malfondon, argumentante: „Se fakasocio ne trovas subtenon de koncernaj fakuloj, ĝi estas superflua." La kunveno tamen malaprobis malfondon; la fakorgano aperu en formo de cirkulero.

Tiel okazis; kutime estis nur unu folio kaj ofte anstataŭ kvar numeroj aperis malpli multaj dum jaro. Tamen la trejnkurso daŭre bone funkciis ĝis 1999; poste ankaŭ ĝi stagnis, ĝis hodiaŭ. Bonŝance, pro neapero de la revuo kaj ne–aktivado la kaso repleniĝis, sed, nelaste pro preskaŭ kompleta malapero de TEĴA–sekcioj en orienta Eŭropo, membronombro falis al ĉ. 30 – lokaj E–kluboj ofte havas pli multajn membrojn.

**Membroj devas decidi**

Tio vere ne pravigas ekziston de organizaĵeto kun bombasta nomo „Tutmonda Asocio". La estraro do proponas malfondon laŭ paragrafo 8 de la statuto. Ĉar kutime dum UK ĉeestas nur tre malmultaj membroj niajn kunvenojn, kio certe validos ankaŭ por la venontjara UK en Pekino, la estraro aranĝas skriban voĉdonadon laŭ paragrafo 4.1 de la statuto.

Krome la estraro proponas kontraste al la statuto, kiu en paragrafo 8.4 diras ke post malfondo la havaĵo de la asocio transiru al UEA, ke ni donacu la restontan monon al Abonhelpa Fonduso de *Monato*, kiu en 2004 havos 25jaran jubileon. Ĉar el nunaj estraranoj nur YAMASAKI Seikô pretas daŭrigi (tamen ne fariĝi prezidanto), tiuj el vi, kiuj kontraŭas malfondon, samtempe devus deklari sin pretaj kandidati por la estraro.

Por ĉiuj supre skizitaj proponoj necesas plimulto de du trionoj de la validaj voĉdonoj. Vi trovas en via koverto koncernan voĉdonilon, kiun bonvolu resendi laŭeble rapide. Kompreneble ni informos kaj la (pagintajn) membrojn kaj la publikon pri la rezulto de la voĉdonado.

Stefan MAUL
prezidanto de TEĴA

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: smaul86150@aol.com
Redaktofino de tiu ĉi numero: 10 nov 2003
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

**Estraro de TEĴA:**
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185-0014 Tôkyô, Japanio; retadreso: syama@dokkyo.ac.jp
Estrarano: vakas

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando

Membrokotizo: 10 eŭroj jare (B-landoj 2,50 EUR). Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Kasraporto

| FEL–konto | (EUR) |
|---|---|
| Saldo 2002 06 30 | 1 668,10 |
| (raportita en IĴ 1/2002) | |
| Enspezo | 320,00 |
| **Saldo 2003 09 30** | **1 988,10** |
| | |
| UEA-konto | |
| Saldo 2002 06 30 | 245,86 |
| Enspezo | 165,00 |
| Elspezo | 95,00 |
| **Saldo 2003 11 12** | **315,86** |
| | |
| **Totala bonhavo** | **2 303,96** |

Via Sekretario–Kasisto

**Ne pagu!**

Pro la voĉdonado pri eventuala malfondo de nia asocio, ni petas ne jam pagi kotizojn por 2004. Kiel montras la supra kasraporto, ni disponas pri mono, kiu sufiĉas por pagi elspezojn de tiu ĉi kaj venonta cirkuleroj. Bonvolu atendi do la rezulton de la voĉdonado kaj plian komunikon.

## Ni funebras

Certe vi jam eksciis el aliaj fontoj, ke en majo 2003 pro akcidento mortis Symilde SCHENK–LEDON kaj Gilbert LEDON en Brazilo. Ambaŭ estis fidelaj kaj ofte aktivaj membroj de TEĴA, Gilbert Ledon de 2001 estis estrarano. Li krome partoprenis la trejnkurson de TEĴA kaj sukcesis brile. Lia edzino dum multaj jaroj estis redaktoro de *La Lampiro* (San Paŭlo), li verkis por diversaj gazetoj, precipe por *Monato*, kaj eldonis plurajn librojn, el kiuj la lasta, „Aviada Terminaro", estas aparte menciinda. Ilia morto signifas gravan perdon ne nur por nia asocio sed por la tuta E–movado, precipe en Brazilo.

# Kunveno de TEĴA dum la Universala Kongreso en Gotenburgo

**La ĉi–jara kunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio okazis je mardo, 29 julio 2003, dum la Universala Kongreso en Gotenburgo.**

Senkulpigis sin la prezidanto, Stefan MAUL, kaj la vicprezidanto, Paul GUBBINS. Gvidis la kunvenon YAMASAKI Seikô (YS). Ĉeestis dudeko da personoj, inter kiuj pluraj eksmembroj. (Sed neniu realiĝis post la kunveno.)

YS klarigis ke TEĴA celas protekti la interesojn de ĵurnalistoj, kiuj en Esperantujo tamen plejofte estas amatoraj, ne profesiaj. Aliĝo al asocio de profesiaj ĵurnalistoj ne eblas pro altega kotizo. Principe trifoje jare aperu bulteno, sed la bulteno de longa tempo ne plu aperis.
Roland ROTSAERT opinias ke ĝi nepre aperu (eventuale en simpla formo, sendata rete). Halina GORECKA proponas transdoni ĝian redaktadon al ne–estrarano. Laŭ YS mankas materialo por la bulteno.

### Demando pri la trejnkurso

Gorecka demandas kio okazis al la kurso kiun iam gvidis Paul Gubbins. YS respondas ke PG nuntempe estas profesie tro okupata. Rotsaert sugestas enretigi la kursotekstojn, por ke ili almenaŭ estu je dispono.

Post la kunveno Dafyd ap FERGUS (kiu ne ĉeestis) sugestis organizon de kurso pri la komputilaj (enpaĝigaj) programoj kiuj nuntempe estas uzataj/uzendaj de ĵurnalistoj.

Roland ROTSAERT